# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 05/07/2018 Tricentokdekunua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;


## Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj

**PMEGramatilko* *Uzindaj ligoj* *Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon.* reta-vortaro * Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,750,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,360,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Ekstudis pli ol 385,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Ekstudis pli ol 4,400 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 35 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



Sur unu paĝo ($ 150) P.A.G. klarigas la Komplementojn de Infinitivoj kaj de Participoj. En ambaŭ kazoj ĝi nomas tiujn komplementojn "Suplementoj", ekz. "Mi malŝatas manĝi mian matenmanĝon en la vagonaro". La tuta frazo "manĝi mian matenmanĝon en la vagonaro" estas la gramatika Objekto, ĉar mi malŝatas manĝi en la vagonaro, sed mi ne malŝatas manĝi. Mi ne aprobas nomi la du komplementojn ĉe "manĝi" "Suplementoj", ĉar PAG jam uzas tiun nomon por la Prepozitivoj de Substantivoj: "La manĝo de la mateno" kies karaktero ĝuste estas ke ili normale komenciĝas per Prepozicio. Ĉar la vorto "manĝi" estas Verbo mi nomus la du komplementojn "Suborda Objekto" resp. :Suborda Adjekto" ĉar la plena formo de tiu suborda infinitiva frazo estas "Mi malŝatas se mi manĝas mian matenmanĝon en la vagonaro".




(daŭrigota) *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Bona filmeto pri Esperanto kaj Duolingo

## En la angla lingvo

'Worth watching'




Sendis Nicole Else 

https://www.youtube.com/watch?v=bB4_B2b36D4



KRESKO 7
2018 junio
KROATA ESPERANTISTA KOLEGARO

Ĝuu la 7-an numeron de "Kresko" kaj post kelkaj tagoj libere elŝutu ĝin ĉe: www.esperanto-bjelovar.hr



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 7a de Julio estis la unua sabato.

Tre amikema Esperanta grupo. Venu! *Roger Springer*



# Estonta Esperanta dokumenta Filmeto

**Uzata dum septembro** La filmado komencis en Melburno ĉe la esperantaj kunvenoj ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Nun, ĉar mia Esperanto estas limigita aŭ ne ekzistanta, **mi bezonas helpon pri tradukado**. Ĉu iuj povus helpi min? *Jim* jim@yiapanis.me +61425706280 jimyiapanis.com



# Mia ĝardeneto kiel infano.

### ĜARDENUMI KIAM INFANO .



Dum mia infaneco la kutimo en Nederlando estis, teni siajn junajn gefilojn hejme kaj prizorgi ilin mem. Sen ia instruado antaŭ la sesa jaro, la infanoj sukcesis en postaj lernejoj same bone kiel nun kun antaŭelementa instruado aŭ prizorgado. Sed mi mem havis pli longan senlernejan periodon, ĉar miaj gepatroj kredis la

teoriojn de la franca filozofo Jean-Jacques Rousseaŭ. Tiu verkisto asertis, ke por sana disvolviĝo de infanoj la lernejoj estas ege malbonaj. Do mia patro ricevis permeson de la registaro mem instrui min, sed la saman materion kiel en la oficialaj lernejoj. Kompreneble kelkfoje en la jaro mi buŝe ekzamenatis de inspektoro, kiu poste notis mian sukceson.

Tio pasis bone dum la unuaj du jaroj, kiam la lernendaĵoj ankoraŭ estis facilaj, escepte por la bela manskribado, kiun mi trovis tro malfacila. Ĉiukaze, mia patro ne kapablis disciplini min por la necesa laboro, kaj anstataŭ lerni legi kaj skribi kaj aritmetikumi mi laboris en mia malgranda ĝardeno kaj bone flegis la legomojn kaj la florojn. Miaj gepatroj ne interesiĝis pri ĝardenado, kvankam ili havis grandan ĝardenon. Ili ja aĉetis tipan farmdomon en vilaĝo apud Amsterdamo. Tiuj farmdomoj konsistis el malgranda brika domo por la farmista familio, al kiu estis kunligita granda konstruaĵo en kiu dum la vintro la farmisto tenadas siajn bovinojn, do por endome nutri kaj melki ilin. Pro tio ĉeestis akreo da tereno por meti la bovinojn dum la sezonŝanĝiĝoj lasante ilin tie por aranĝi la transporton, por la somera periodo, al granda ofte komuna bruttereno kun sufiĉe da herbo por manĝi. Tiu nia loĝado daŭris nur kelkajn jarojn, ĉar mia patrino kaj la patro de mia patro tro multe kverelis. Sed dum miaj sesa kaj sepa kaj oka jaroj mi ĝuis mian laboron en mia ĝardeno.

Mia patro tamen ne nur ne havis la kapablon igi min fari kaj lerni la necesan lernejan laboron, sed krome ne havis multe da tempo ĉar li sekrete laboris en alia domo en Amsterdamo. Mi diras sekrete, ĉar li krome ricevis la senlaborulan pension. Kaj, kiel mi poste eltrovis, li tie ankaŭ havis sekretan amamikinon. Do kiam en la mezo de la tria jaro la inspektoro venis por ekzameni min, li trovis ke mi tre malmulte sciis pri la necesa lernoprogramo. Sen diri ion, li rigardis al mia patro kaj ambaŭ komencis rideti, kaj mia patro devis sendi min al la registara lernejo. Sed la inspektoro ne volis meti min en la duan klason, kies nivelon mi havis, sed metis min en la trian klason, promesante ke li ordonos mian instruistinon helpi min por akiri la necesan nivelon. Sed ŝi estis kolera ke mia patro trovis lernejojn malbonaj, kaj tial venĝe ŝi neniam helpis min. Mi tamen kapablis mem alĝustigi mian necesan laboron kaj en la fino de la elementa lernejo miaj rezultoj estis preskaŭ ĉie la plej bonaj en la klaso. Sed mi devis malzorgi mian ĝardeneton. Nur poste en Aŭstralio mi ree kreskigis legomojn kaj florojn. *Marcel Leereveld*.

## LA HOMARANISMO DE ZAMENHOF.

Mi estas pesimisma pri ĉiuj kredoj, eĉ pri tiu de Zamenhof. Ekzistas du precipaj tialoj, kial mi estas pesimista. Unue la fakto, ke en la historio ni vidas, ke ĉiuj religioj kaj idealoj komenciĝas kun bonaj intencoj kaj belaj vortoj, sed dum la forpaso de la tempo ili ŝanĝiĝas kaj la adeptoj aplikas siajn bonajn idealojn nur en vortoj. La kreintoj de religioj kaj de aliaj idealoj donis bonegajn instruojn kaj regulojn, sed la postvenantuloj adaptis la instruojn al siaj propraj deziroj kaj vivmanieroj, ofte eĉ tute kontraŭaj al la originaj. Konsekvence kristanoj militas kontraŭ aliaj kristanoj, islamanoj militas kontraŭ aliaj islamanoj, kaj eĉ poranglolingvaj bahaanoj "batalas" kontraŭ siaj Esperantaj kunmembroj. Kaj eĉ en Esperantujo, ekzemple en Vjetnamujo, Usono, kaj Aŭstralio la bonidealemaj Esperantistoj batalis, en Aŭstralio batalegis, inter si. Pro tio mi opinias ke Esperanto aŭ la Korano aŭ la Biblio ne faras nin pli bonaj homoj, kvankam pro la strikta diktaturo de la religioj iliaj adeptoj kutime bonmorale agadas, kio estas unu el la bonaj karakteroj de religioj. En la kazo de Esperanto mi opinias, ke hazarde kaj

nature la lernintoj de nia lingvo jam nature estas pli pacemaj homoj ol la meza resto, kaj ke tial aspektas kvazaŭ ilin tiom bonigis la lingvo. Mi konsekvence opinias ke ne la teorioj de la filozofiaĵoj faras nin pacemaj, sed la praktikado de pli egalecaj socioj kaj de praktika aplikado de pli harmonia kunvivado. Mi scias ke por praktiki pli da egaleco en nia socia vivo utilas havi teoriajn idealojn, kiuj tamen devas konduki al socia egaleco. Sen la praktikaj idealoj la teoriaj idealoj pri senmilita mondo laŭ mi estas perdo de tempo.

La dua fakto de mia pesimismo estas, ke la homa raso, kvankam iomete pli klera ol la simioj, ankoraŭ ne estas sufiĉe inteligenta por povi krei senmilitan kaj senbatalan kunvivadon. Kaj la precipa kaŭzo de tiu nesufiĉa inteligento estas laŭ mia vidpunkto la manko de kapablo individue pensi kaj rezoni, kun la rezulto ke ni malinteligente kredas kaj fidas ĉion kion moraloinstruistoj, ekzemploj kiujn ni devas sekvi kaj imiti, metas en niajn mensojn. Speco de menspoluciado do. Kredi kaj fidi dormigas nin, kaj malebligas nin mem inteligente pensi. Tion mi vidas kiel fakton de nia malforta inteligenteco, kaj ĉiaspecaj regemuloj uzas tiun nian malfortecon. Jam kiel gejunuloj ni lernas trovi fidotajn agekzemplojn, inter kiuj la ekstremoj estas diktatoroj kiaj Stalin kaj Hitler. Mi atendas la momenton kiam pro cerba transmutacio ni elpaŝos el tiu malaltinteligenta kredemo kaj fidemo kaj pensos kaj rezonos pli sendepende.

*Marcel Leereveld.*

**LINGVOPRIZORGADO.**

Notu ke pro situaciaj tialoj mi daŭrigos la rubriketon "Kelkaj lingvaj aferoj ne sufiĉe konataj" nur en la fino de Aŭĝusto. *M. L.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




. *Peter Danzer* BES prezidanto Doug Eising lastatempe vizitis la Esperanto-Urbon HERZBERG en Germanio kaj sendis al mi raporton. Amike, Petro

# Vizito al Herzberg

Je sabato la 9a junio, ni veturis de Eschwege, la urbo en kiu ni loĝas al Herzberg, urbo ĉirkaŭanta lagon. Ni bonŝance havis bonan veteron kaj elektis per navigilo la vojon pli belan por iri tien. Pro tio, ni bezonis iom pli da tempo por alveni al Herzberg sed sur tiaj stratoj oni trovis malpli da trafiko kaj tre belan pejzaĝon. Survoje ni vizitis la Rhumequelle, unu el la plej grandaj karstaj akvofontoj en Centra Eŭropo kiu forŝutas akvon averaĝe po 2500 l/s kaj maksimume po 5500 l/s.

Kiam ni alvenis en Herzberg ni tuj iris al la Welfenschloss, kiu estas reparata kaj ne ĉiom da ĝi estis bone videbla pro riparadolaboro.



En la Welfenschloss oni trovas diversajn elmontraĵojn inter kiuj, en ĉambreto la libreton titolitan "Demokratio sen limoj". Tie inter aliaj aĵoj, oni vidas la pasporton de Albert Einstein.

Poste ni veturis al la bela centro de la urbo.



Ni piediris laŭ la piedira zono kie oni vidas stratŝildojn kaj en la germana kaj en Esperanto. Ĉar estis la posttagmezo de sabato, estis preskaŭ neniu sur la stratoj ... treege kvietaj.



Ni sekvis la ŝildojn kaj trovis inter la aliaj domoj la Interkulturan Centron. Ĉar ni ne antaŭe anoncis ke ni venos, kaj pro tio ke estis tre kvieta sabata posttagmezo, ni iome timetis rompi la pacon de la loko kaj tiel foriris por rigardi la lagon kaj ĝian ĉirkaŭaĵon.




Ĉar ĉie ŝajnis tiome sen homoj, mi kredas ke estus ankoraŭ pli interesa viziti Herzberg dum la labortagoj kiam ĝi certe estas multe pli vivplena. *Doug Eising*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

Daŭrigota en AE382

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** ..... Albert Stalin Garrido, juna esperantisto de Filipinoj prezentas la Esperanto-movadon en sia lando en la elsendo de la 2a de julio 2018. Alia temo estas religio kaj ateismo , ĉu unu ekskluzivas la alian? Ne laŭ Markos Kramer . Rejnoldo Evans proponas iom da historio kaj rakontas pri la apero kaj malapero de la insulo de Rozoj.

De la 16a de julio ĝis la 20a de aŭgusto la teamo proponas al la aŭskultantoj iom da literaturo

a) la krimnovelon de Ron Gates "la Malhelruĝa teko"

b) danke al Charles Stevenson ni povas konatigi al vi teatraĵon "Kara Panjo", la unua verko tradukita de Gego al Esperanto.

Vi certe rekonos konatajn voĉojn Ĝis tiam mi ne povos doni al vi pli da informoj pri la enhavo de la programoj, tamen la detaloj aperos kiel kutime en www.esperanto.com.au

Informas la kunvokanto, *Franciska Toubale*